PENSEO

N-ro 227

sept. / 2010

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 21-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Josip Pleadin (Kroatio)



### Elegio

*Hieraŭ pluvis, kaj hodiaŭ pluvas*
*kaj morgaŭ same, lace glitos gutoj;*
*kaj same, lace iros la minutoj*
*de mia viv', sencela kaj enua.*
*(N. Kurzens: Aŭtuna elegio)*

*Hieraŭ pluvis, kaj hodiaŭ pluvas,*
tegmenten gutas la ĉiela puso.
Nokto sendorma. La venta koruso
strate kresĉendas per atako skua.

*Kaj morgaŭ same, lace glitos gutoj;*
kaj hurlos vento, eterne ĝi bardos.
Lundo jam estas, ja baldaŭ ekmardos:
senfine en koto tagvico pluas.

*Kaj same lace iros la minutoj*
pasados horoj, malplenaj, sen bruo.
Surstrate viro kun truita ŝuo
hastas al hejmo tra morna diluvo.

*De mia viv', sencela kaj enua*
pasas la lastaj malgajaj momentoj.
Finiĝas doloroj, veoj, turmentoj,
la vivo foriras sen honorspaliro.

## Imre Szabó (Hungarujo)



### Kanto de sopiroj

Vi forta bordo de amo!
Mi ondas al vi per kantoj
el foroj min renaskantaj.
Vi, forta bordo de amo!

Kun gemoplenaj okuloj
admiris mi viajn mamojn,
kaj nun mi kaŝas la manojn..
Memoru nur la okuloj!

Vi estas pura mateno,
mi nur kaduka vespero --
kaj vere nur la vespero
sopiras al la mateno.



## Guozhu (Ĉinio)



### Kun Komplekso de Ĉinio

— Omaĝe al la Centjara Jubileo de Gulik
(2010-08-09)

Gulik funkciis pro destino
diplomato laŭ profesio;
sed kun komplekso de Ĉinio
li studis laŭ sia inklino
pri ĉina kulturo sen fino,
verkis romanojn en serio.
Gulik funkciis pro destino
diplomato laŭ profesio.

Li vivis pli ĉine ol ĉino
kaj iĝis fondinto-genio

de ĉina erotologio

pro fruktoj kun sorĉa fascino.

Gulik furoras laŭ destino.



** Robert van Gulik (1910-1965), fama ĉinologo, kiu naskiĝis 1910-08-09 en Zutphen, Nederlando.*

## Anna Karlik (Hungarujo)



### Nesoveble

Mi trovis malfrue
la konvenan viron,
kiu jam delonge
posedas edzinon.

Ne volus ekvundi
mi alian inon,
ne rajtas detrui
mi ilian vivon.

Kontraŭ sufero
ĉu mi trinku vinon,
simple nur silente
atendu la finon?

Iu diru al mi,
kion eblas fari?

Se tio ne helpas,
unu eblo estas:
Senkorpe, senvorte,
senkondiĉe ami...



## Helena Tylipska (Italujo)



### Falantaj Steloj

Mi sonĝis min kun steloj falanta.
La steloj falis kaj mi vekiĝis
unu momenton antaŭ ol neiĝi.

Min nigraj ombroj postkuris.
Flugante pene super la ter'
mi de ili forkuris
kaj mi ankoraŭ vekiĝis.

Aŭskultis mi muzikon de la tagoj oriĝantaj
kaj de la noktoj arĝentaj.
La tagoj kaj noktoj nigriĝis.

Infano gaja, serena
falis en nokton nigran:
Senfortas li, junulo
grimpi la altan muron
dornan kaj glitan
— Li timigita
...angor' senfina... la mia.

**dediĉita al malsana junulo, proksima kaj tre kara al mi*

## Cezar (Germanujo)



### Infan' bezonas multon

1

Infan' bezonas spacon,
loĝejon aŭ palacon.
Plu manĝon, vestojn, ŝuojn,
ludejojn, akvon, bruojn.

2

Infan' bezonas lerni
kaj sur herbej' sin sterni.
La nubojn ĝi bezonas,
ke ran' sur puto tronas.

3
Infan' bezonas ĝojon,
fajfante sian vojon.
Por ĝui ĉiujn tagojn,
bezonas ĝi imagojn.

4
Infan' bezonas amon,
karesojn, ne fifamon.
Plu ŝaton kaj amikojn,
kaj pro neces' replikojn.

5
Infan' bezonas revojn,
flugilojn, ankaŭ devojn.
Bezonas ĝi sekretojn,
fuĝlokojn kaj impetojn.

6
Infan' bezonas multon,
sed ne adoltostulton,
ne troon da laboro
en timo kaj teroro.

7
Infan' bezonas Teron,
sed ne klimatinferon.
Bezonas ĝi bonŝancon:
progreson, pacavancon.

# Ĉineske

## Guozhu (Ĉinio)

# Jarcenta Kiso

—laŭ ĉineska skemo Tiaoxiaoling*
(2010-08-15)

Kiso, kiso,
vere indas biso!
Pozo duonkuŝa,
jarcente kortuŝa.
Ŝatu, ŝatu,
Venkon tio datu!

** ĉina fiksforma poemo el ses versoj de 4, 6; 6, 6; 4, 6 silaboj, laŭ rimaranĝo de aa,bb,cc. La 4-silabaj versoj konsistas el du ripetaj vortoj. Kaj la unua vorto de la kvina verso devas esti el palindrome aŭ metateze ordigitaj silaboj de la lasta vorto de la kvara verso. ekz. rimi-miri; mora-arom; nomo-mono; roso-soro.*

*** 1945-08-14 (pekina-tempe: 1945-08-15), Japanio proklamis senkondiĉan kapitulacon. Amasoj da loĝantoj de Novjorko svarme kolektiĝas surstrate celebri. En varma celebrado sur la Tempo-placo iu mararmeano kisis nekonatan flegistinon hazarde troviĝantan apude kaj tiu momento estis kaptfotita de Alfred Eisenstaedt ,la fotisto la revuo Vivo (Life) kaj fariĝis klasika verkaĵo en historio. Post 60 jaroj, en 2005, kolora skulptaĵo laŭ la fama foto aperas en la Tempo-placo de Novjorko kaj ĝin inaŭguris Edith Shain, ĝuste la flegistino siatempe en la foto.*

*2010, por memori la 65-an datrevenon de la venka finiĝo de la 2-a Monfmilito, okazis aktivado amasa kisado en la Tempo-placo de Novjorko. Kortuŝite de la sceno Guozhu versis ĉineskon .*



## Vejdo (Ĉinio)



# Ligiĝo per poem’

okaze de la naskiĝtago de Cindy (2010)
—laŭ ĉineska skemo Dianjiangchun*

nin alligas
ĉarma ĉinstila poem'
ĉiama em'
al vers-arta gem'

min inspiras
via streĉa pen'
verkadi
kun ĝoja trem'
per enpensa krem'

*Dianjiangchun (ruĝigitaj lipoj): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respektive de 47,4,5 / 45,34,5 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,a,a / xa,xa,a (x=senrima)*



## Viktoro (Ĉinio)

### Mia koro doloras

—laŭ ĉineska skemo Sopir-al-sudo*

montfloroj
buntas en prosper'
karesante inter si
pro ili la sovaĝter'
foras de sufer'

du birdoj
ĉirpas en sonor'
per ŝanĝiĝemaj triloj
pro ili l' val' en ĉi hor'
eĥas kun fervor'

vi fole
kantas kun plezur'
flose en mia sonĝo
mian koron vipas nur
sopira tortur'

* ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).

## Eto (Ĉinio)

### Sovaĝa floro

—laŭ ĉineska skemo Yexingchuan*

flegita de naturo
sovaĝ-flor'
kun plezuro
svingas kapon
en zefiro
kun freŝiga puro

sed deŝira torturo
ĝin rompas
je tig-kruro
viv' libera
ĉesas tute
en ampeta ĵuro



## Cindy Mckee (Usono)



### Perrier

—laŭ ĉineska skemo Yexingchuan*

Naturo ja ŝin benas
per Perrier.
Lipoj tenas
pozicion.
Laŭ la nuko
ŝvelbobeloj ĉenas.

El lukso ĝi satenas
la gorĝon
kiu plenas.
En salono

de soifo,
sate ŝi alvenas.




**Yexingchuan (nokta ŝipvojaĝo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun ses versoj de 7,34,446 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa (x = senrima)*

## Vejdo (Ĉinio)

### Ĉielo ploras

okaze de Funebra Tago Tutlanda* (2010.08.15)
—laŭ ĉineska skemo Shuilongyin**

nuboj nigraj pendas
peze super vasta ter'
vento kirlas
triste sible
kun malesper'
ŝiras ĉion
en pecetojn
el la aer'
grandaj pluvgutoj
plumbe falas
eksploras
ho ĉiel'

por tiuj en sufer'
sub kota
kaj ŝtona sfer'
ni silente
staras vice
kun vort-ofer'
restu en pac'
kaj en trankvil'
en ĉi somer'
falis viktime
niaj fratoj
mil en mizer'

** La 8-an de aŭgusto okazis koto-ŝtona fluego en Zhouqu gubernio de Gansu-provinco de Ĉinio. La numero de viktimoj superas 1000. La ĉina registaro difinis la 15-an de aŭgusto kiel tutlandan funebran tagon.*

***Shuilongyin (akva drako): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 12 versoj de 67,444,444,5433 / 6,34,444,444,544 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xxa,xxa,xxxa / a,xa,xxa, xxa, xxa (x= senrima)*

## Litingyan (Hirundo ĉe Kiosko)

*ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 6 versoj de 66, 76, 56 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,xa (x=senrima)*

## Eto (Ĉinio)

### Seninspira poeto

tuttage vagadis
sencele la poet'
kun pripenso distrita
kaj mens' en malkviet'
plenigas ventron
per sengusta diet'

li serĉas kaj serĉas
en libroj kaj sur ret'
inspiron, sed, ve, vane
kio estas sekret'
por poem-verkad'?
mankas al li impet'



## Cindy Mckee (Usono)

### Atendo

Ŝi staras ĉe vitro
en konstanta kviet'
detirante kurtenojn,
konata siluet'.
Jarojn kolektas
la horloĝon sur bret'.

Tirante risorton
ĝis sulkiĝa skelet',
ne rimarkata de ŝi
dum atenda ripet'.
Kion atendas
seninspira poet'?

## Eto (Ĉinio)

### Perdiĝas mia inspir'

ha, ŝi staras tie
en ŝika tualet'
min jam malpacience
atendas kun koket'
movas sin tede
jen kun riproĉa pret'

foren mia inspir'
en tima malkviet'
vanuis jam senspure
ĉu mi per pardonpet'
konsolos ŝin? mi
hezitas kun ripet'



## Guram Svanidze (Kartvelio)

## Igorj Ĥomjakov (Rusio)

esperantigis

### Delikata temo

Reĝisoro de Teatro de Juna Spektanto vizitis redaktejon al ni. Foje en fino de labortago li alportis materialon. Mi komencis korekti. En tiu tempo de alia flanko de koridoro aŭdiĝis ridego.

– Kunlaborantoj amuziĝas, – mi rimarkis.

– Mi povas supozi, pri kio ili parolas. Ĉu pri seksaj temoj? – li demandis.

– Kiel vi konjektis?

– En ilia rido estas specifa dusencaĵo. Tiel virgulinoj reagas, kiam viroj parolas pri io maldeca. Junulinoj kvazaŭ protestas kaj samtempe volas aŭskulti tion.

Mi distriĝis de manuskripto kaj fiksaŭskultis. Post ioma tempo mi redonis al la gasto manuskripton. Reĝisoro ĉagreniĝis, kiam li ekvidis, kion mi faris kun lia materialo. En koridoro aŭdiĝis ridego. Li rimarkis:

– Ili ridas kiel adolesko-huliganoj.

Ĉefo en tiu kompanio estis Igorj K. Li havis bonan karieron, estis edziĝinta, sed li tre ŝatas paroli pri delikataj temoj. Lia rigardo estis skananta, rideto estis cinika. Estus pli bone, se li estus ĵurnalisto de iu fiĵurnalo.

– Vi neniel moderiĝis, – mi rimarkis al li.

– Sed vi iĝas simila al Simaĥa Rabinoviĉ. Vi estas sama homevitema kaj neamanto de seksaj temoj, – li respondis.

Li parolis pri blindeta maljunulo. La maljunulo laboris nur por honorarioj, estis neafabla kaj, verŝajne, jam forgesis, kion signifas sekso.

En alia fojo Igorj komparis min kun mia ĉefo Velimir B.

– Li estas rukto de stalina tempo. La

tedanto. Burĝa vorto “sekso” teruras lin, – la kolego mokis.

Kaj poste diris:

– Ni ĉi tie devas efektivigi politikon de komunista partio!

Li imitis kolegon Kirill Kirilloviĉ, malgranda malsanema viro, nia redaktoro. Lia voĉo estis raŭka kaj malforta.

Virinan temon en tiu kompanio gvidis Luiza, vigla ĵurnalistino. Estas tia rolo, kiam virinajn ĉarmojn oni uzas kiel daŭrigon de profesiaj kvalitoj. Ŝi parolis glate kaj grave, ne ekzalte jelpis, kiel iuj el junulinoj, kiuj nur almezuris ŝian rolon. Ili sakris, sed virinece, ne vulgare. Estis tia modo.

Foje Luiza intervjuis unu faman scienciston. Li ankaŭ estis bofilo de granda partia ĉefo.

– Kia li estas solida! – diris pri li unu juna ĵurnalistino pririgardante foton de li en ĵurnala paĝo.

– Li estas tipa gejo! – malvarme respondis la leonino. Neniu demandis pri pruvoj.

En tiu tago ŝi ankoraŭ klarigis al junularo komplikan vorton “servilismo”[1]. Ŝi sciis multajn tiajn vortojn.

Pro ŝia emo al pikanta speco de sekso ŝercis nur Igorj. Oni observis oficala disciplinon. Nur juna kunlaboranto Arkadij provis rompi la disciplinon. Li koketis per sia Hollywood-a[2] rideto. Kiam li parolis, li fiksaŭskultis sian voĉon. La voĉo plaĉis al li. Oni sciis, ke liaj gepatroj estis invalidoj, surdamutuloj. Foje li malprospere “ŝercis” – provis kisi kolegon Luiza al lipoj... Responde Luiza atentigis al li lian genetikan neplenvalorecon ankaŭ en ŝerca formo.

Iufoje mi vizitis tiun kompanion, kutime kiam ili drinkis bieron. Foje ili decidis rakonti anekdotojn, provis fiksi “dekon de plej maldecaj anekdotoj”. En iu momento mi decidis, ke mi ne venkos kolegon Arkadij en tiu konkuro. Li rakontis ian aĉaĵon pri Romeo kaj Julieta. Poste venis mia vico. Post mia anekdoto la multaj el tiu kompanio misglutis pro rido. “Efektive, tio estas adoleska nivelo,” – mi pensis.

Mi ne scias, kia diablo enloĝiĝis en ili. Oni parolas, ke tiaj “fikompanioj” en diversaj formoj aperas ĉie, kie homoj kolektiĝas en grupoj. Dise tiuj “ŝerculoj” estas ĉarmaj kaj inteligenciaj homoj. Kaj estas neniaj intrigoj.

Al mi ŝajnis, ke Freŭdo povus klarigi, pro kio tiel okazas. Foje en redaktejon iris Gena R., fama fotokorespondanto kaj ĉi-loka donĵuano. Li laboris en centra moskva ĵurnalo. Tuta kompanio, viroj kaj virinoj, elsaltis el siaj kabinetoj. Ili humileme rigardis tiun gaston. Li staris kaj rigardis ĉiujn de alteco de sia staturo. Li radiis masklecon.

Cetere amuzoj en tiu fikompanio ne ĉiam estis neofendaj. Igorj havis “ĉarman” kutimon: kiam ĉe li okazis ia amafero, li tuj rakontis pri tio al ĉiuj. Iufoje li kolektis ĉirkaŭ si kolegojn kaj telefonis al edzo-kokrito – teatre kaj detale li rakontis al la kokrito pri specifikecoj de korpo de lia edzino. Spektantoj estis kontentaj.

Igorj neniam estis batita pro tiaj agoj. Li sciis, la ruzulo, kun edzinoj de kiaj malfortuloj aranĝi amajn aventurojn. Sed suferis Ljova, ĉiamulo de tiu kompanio. Foje li havis amaferon kun fama ĵurnalistino. Li venis al ŝia loĝejo kaj uzinte malĉeeston de mastrino tralegis ŝiajn intimajn leterojn de diversaj viroj.

– Mi ne havis okupon, pro tio mi fosis en skriba tablo, – poste Ljova rakontis.

Li ne havis imagkapablon kaj konsterniĝis pro artifikeco de enhavo de tiuj leteroj. Li estis tia konsternita, ke tuj rakontis pri tiu korespondado de sia amorantino.

– Kiam Tanja amoras, do tiaj pozoj ne estas eĉ en “Kamasutra”[3], – Ljova mokis.

Tanja havis severan karakteron. Kiam ŝi eksciis pri klaĉoj, kiujn disvastigis ŝia amoranto, ŝi speciale venis en redaktejo kaj kaptis lin. Oni devas vidi, kiel tiu furioza personino ĵetis sin al ofendinto. Li estis estinta

boksisto, lerte deflankiĝis de ŝi. Poste tedis al li deflankiĝi, kaj li provis forkuri. Tanja ĵetis sin kuratinge.

Tiuj kolegoj, kiuj estis pli solidaj, ne interesiĝis pri tiu petolo aŭ ŝajnigis, ke ili ne interesiĝas. Ekzemple Simĥa Rabinoviĉ tute ne rimarkis tiun kompanion. Sed kuriozaĵo okazis kun Velimir B. Des pli ke okazis sangverŝo.

... En redaktejo aperis staĝanto Sergej Gaj, kiu laboris kun Velimir. Kompanio ekzumis kiel abelaro, ektumultis, perdis trankvilecon. Afero estis en tio, ke la staĝanto havis nekredeblan belan ĉarman aspekton. Li similis pupeton kun okuloj de miela koloro, kun ruĝa hararo. Pro scivolemo tiu kompanio urĝe ekvolis scii lian seksan preferon. La knabo konsciis sian atakeblecon, tial li ĉiel penis ne doni motivon al malĝustaj juĝoj. Li speciale parolis per baso, konstante manipulis virajn akcesoraĵojn: turnis fajrilon, longe tenis en mano cigaredon por poste ekfumi. Arkadij turmentis lin per ŝercoj kaj mokoj. Arkadij estis volonta turmentanto de diversaj “stultuloj”, gejoj kaj malsukcesuloj. Tiu aroganto sciis, ke signoj ne estas. Li parolis, ke rido senmaskigis gejojn – gejoj havas virinan ridon. Sed Sergej sensone ridis – bloviĝis, ĉar ne ellasis aeron, ruĝiĝis kaj tremis. “Li misformiĝis,” – kiel iu rimarkis. Arkadij ankaŭ diris, ke oni povas distingi latentan gejon pro pozicio de kapo de flanko de dorso – gejoj havas koketan oblikvecon. Sed hararo de Sergej malhelpis pririgardi tian nuancon. Sed Arkadij daŭrigis sian mision. Pasio estas pli malbona ol mallibero.

Neatendite Velimir alportis klarecon. Li faris tion laŭ sia maniero kiel malsaĝa sesdekjaraĝa viro. Interalie dum ioma tempo Velimir B. estis mia parenco. Krom sovetia cenzuro li timis sian edzinon, kiu estis sufiĉe potenca kiel stalina reĝimo. Mi iĝis atestanto de familia skandalo. Malsaniĝis infano de lia filo, kaj edzino de lia filo (mia parencino) postulis kuraciston.

– Sed via edzo estas kuracisto, – la bopatro milde rimarkis.

– Li estas stultulo sed ne kuracisto, – bofilino respondis.

Dum la bopatro pripensis tiun frazon, bopatrino diris:

– Kial vi aŭskultas tian aĉaĵon, idioto?! – ŝi malice kriis al Velimir. Kaj poste ŝi aranĝis grandan skandalon al mia parencino.

Estis sola cirkonstanco, kiu dispelis timon en okuloj de Velimir B. – komplimento laŭ motivo de tio, ke li similas fremdlandanon. Tio rekte subkomprenis: li estas ĉarma viro. Velimir havis klarigon – lia avino estis finnino. Post tiu komplimento li kuraĝiĝis, lia rigardo iĝis kontenta.

De iu tempo la maljunulo strange kondutis. Estis nekredeble, sed li amikiĝis kun Igorj. Ili interpalpebrumis, interŝanĝis per obscenaj historioj. Igorj estis pli juna ol Velimir je 25 jaroj.

... En tiu memorfiksita tago mi ekvidis ilin en kabineto de Igorj. Velimir konspirante flustris ion. Lia “amiketo” subite akceptis aspekton de ofendita virto kaj sufiĉe artiste ekkriis: “For! For! Mi forpelas vin, diablo!” Velimir returniĝis. Lia rigardo estis maldeca, sur lia vizaĝo estis obscena mieno, kiu laŭgrade transformiĝis en malcerteco... Verŝajne li rakontis ion tro maldecan.

– Pro kio estis tia drama sceno? – mi demandis, kiam mia ĉefo foriris.

– Li denuncis tiun knabon. Li parolis, ke li mem persone... – la kolego montris per maldeca gesto, pri kio li parolas.

– Tio ne povas esti! – mi reagis.

– Li estas maljuna degenerulo! – Igorj konkludis.

Li ne sukcesis fini frazon, kiam en koridoro aŭdiĝis krio: Arkadij akutkriis kiel virino. Li tiel longe turmentis staĝanton, ke staĝanto ne eltenis kaj pikis ofendanton per kancelaria tondilo al ŝultro. Kunlaborantoj

ekmaltrankviliĝis kaj longe pensis: ĉu venigi milicon aŭ ne.

*Notoj:*

1. *Servilismo – variaĵo de masoĥismo.*
2. *distrikto de urbo Losanĝelo (Usono). Centro de usona kinematografio.*
3. *fama hinda antikva erotika traktato.*



## Maupassant (1850-1893)



### ĈE LA LITRANDO

Granda fajro flamis en la kameno. Sur la japanstila tablo, du teotasoj staris vidalvid), dum la apuda teujo fumis kontraaŭ la sukerujo flanke de la rumkarafeto.

La grafo de Saluro ĵetis siajn ĉapelon, gantojn kaj pelton sur seĝon, dum la grafino, deprenis sian balmantelon, reordigis iom sian hararon antaaŭ la spegulo. Ŝi afable ridetis al si, frapetante per la pintoj de siaj delikataj fingroj kiuj brilis pro la fingroringoj, la frizajn harojn ĉe tempioj. Poste ŝi sin turnis al sia edzo. Li rigardis ŝin jam de kelkaj sekundoj, kaj ŝajnis heziti kiel se intima penso ĝenis lin.

Fine li diris :

– Ĉu vespere oni sufiĉe amindumis vin ?

Ŝi rigardis lin en la okuloj, la rigardo brilanta de flamo de triumfo kaj defio, kaj respondis :

– Mi ja esperas !

Poste ŝi sidiĝis ĉe sia loko. Li sidlokis vidalvide kontraŭrigarde al ŝi, kaj reparolis, rompante brioĉon :

– Tio estis preskaaŭ mokinda… por mi !

Ŝi demandis :

– Ĉu geedza sceno ? Ĉu vi intencas riproĉi min?

– Ne, kara amikino mia, mi nur diras ke tiu S-ro Burelo estis preskaaŭ malkonvena apud vi. Se… se… se mi estus rajtinta… mi estus kolerinta.

– Kara amiko mia, estu sincera. Nun vi ne plu pripensas same kiel vi pripensis la lastan jaron, jen la tuto. Kiam mi eksciis ke vi havis amorantinon, amorantinon kiun vi amis, vi malmulte zorgis ĉu oni amindumis aaŭ ne amindumis min. Mi diris al vi mian aflikton, mi diris same kiel vi diras vespere, sed kun plimulte da pravigoj : « Mia amiko, vi kompromitas S-inon de Servo, vi afliktas kaj ridindigas min. » Kion vi respondis ? Ho ! vi perfekte komprenigis al mi, ke mi estas libera, ke la geedzeco, inter inteligentaj personoj, nur estas asociado de komunaj bonoj, socia ligo, sed ne morala ligo. Ĉu veras ?

Vi komprenigis al mi ke via amorantino estis ege pli bela ol mi, ege pli alloga, ege pli ina ! Vi diris : « ege pli ina. » La tuto, kompreneble, estis ĉirkaaŭigita per konsideroj el bonedukita viro, envolvita per komplimentoj, formulita kun delikateco pri kiu mi omaĝas. Sed tamen, tiam mi perfekte komprenis.

Nu ni interkonsentis ekde tiu momento, ke ni vivos kune, sed komplete separataj. Ni havis infanon kiu formis inter ni kunigan ligilon.

Vi preskaaŭ divenigis al mi, ke vi nur taksis la eksteraĵojn kiel gravajn, ke mi povis, se tio plaĉis al mi, havi amoranton kondiĉe ke tiu amrilato restu sekreta. Vi longtempe disertis, kaj bonege, pri la virina delikateco, pri ilia lerteco por domaĝi la regulojn de la konveneco, ktp.

Mi komprenis, amiko mia, perfekte komprenis. Tiam vi multe amis; multe amis S-inon de Servo, kaj mia legitima tenereco,

mia laaŭleĝa tenereco ĝenis vin. Sendube, mi deprenis de vi kelkajn el viaj ebloj. De tiam, ni individue vivis. Ni kune iras en la altan societon, ni kune revenas, poste ĉiu rehejmeniras en sian hejmon.

Nu, depost unu aaŭ du monatoj, vi agis kiel ĵaluza viro. Kion vi volas diri ?

– Kara amikino mia, mi tute ne estas ĵaluza, sed mi timas vidi, ke vi kompromitu vin. Vi estas juna, vigla, aventura…

– Pardonu, sed se ni parolas pri aventuroj, mi petas al vi, ke ni kompare ekzamenu la faktojn.

– Mi petas vin, ne ŝercu. Mi parolas al vi kiel amiko, serioza amiko. Koncerne ĉion, kion vi ĵus diris, tio estas tre troigita.

– Tute ne. Vi konfesis, vi konfesis al mi vian amrilaton, tio samvaloris permesi al mi, ke mi imitu vin. Mi ne faris tion…

– Vi permesu…

–Lasu min paroli plu. Mi ne faris tion. Mi tute ne havas, kaj mi tute ne havis amoranton… ĝis nun. Mi atendas… mi serĉas… mi ne trovas. Necesas al mi valora viro.. (kelkiu) pli bona ol vi… Mi vin komplimentas, sed ŝajne vi ne rimarkis tion.

– Kara mia, ĉiuj tiuj ŝercoj estas absolute malkonvenaj.

– Sed mi tute ne ŝercas. Vi parolis al mi pri la dekoka jarcento, vi komprenigis al mi, ke vi estas tre libermorulo. Mi nenion forgesis. La tago, kiam mi volos ne plu esti tiu, kiu mi estas, kio ajn vi faros, ĉu vi aaŭdas?... vi estos, sen ke vi dubas pri tio, kokrito same kiel la aliaj.

– Ho !... kiel vi povas eldiri tiajn vortojn ?

– Tiajn vortojn !... Sed vi ridis kiel frenezulo, kiam S-ino de Gerso deklaris, ke S-ro de Servo aspektis kiel kokrito serĉante la amarantojn de sia edzino.

– Kio povas aperi kiel komika (aperi komika) en la buŝo de S-ino de Gerso, fariĝas maldeca en la via.

– Tute ne. Sed vi trovas tre amuza la vorton "kokrito", kiam temas pri S-ro de Servo, kaj vi taksas ĝin kiel tre maldeca kiam temas pri vi. Tio dependas de la vidpunkto. Cetere mi ne multe ŝatas tiun vorton, mi nur prononcis tiun ĉi por vidi ĉu vi estas matura.

– Matura… Por kio ?

– Sed por esti tio. Kiam viro incitiĝas aaŭdante diri tiun vorton, estas ke li… estas kokrota. Post du monatoj, vi estos la unua por ridi, se mi parolos pri… kokrito. Tiam… jes… kiam oni estas kokrito, oni ne sentas tion.

– Vespere, vi estas komplete malbonedukita. Mi neniam vidis vin tiel.

– Ha ! jen… mi ŝanĝis… je mia malavantaĝo. Pri tio vi kulpas.

– Aaŭskultu, kara mia, ni serioze parolu. Mi vin petas, mi petegas vin ne plu permesi, same kiel tiuvespere, la malkonvenajn proponojn de S-ro Burelo.

– Vi estas ĵaluza. Mi ja diris tion.

– Sed ne, ne. Nur mi deziras ne esti ridinda. Mi ne volas esti mokinda. Kaj se mi revidos tiun sinjoron paroli al vi en la… ŝultroj, aaŭ pli ĝuste en la brusto…

– Li serĉis kompateman animon.

– Mi…mi tiros lin je la oreloj.

– Ĉu vi hasarde amsopirus pri mi ?

– Tion, oni povus pri malplej belaj virinoj.

– Jen vidu, kiel vi alvenas ! Sed, jen mi ne plu amas vin.

La grafo leviĝas. Li rondiras ĉirkaaŭ la tableto, kaj enŝoviĝante malantaaŭe sia edzino, rapide surnuke kisas ŝin. Ŝi per eksalto stariĝas, kaj rigardante lin okulblanke :

– Mi ne plu volas tiujn ŝercojn inter ni, mi petas. Ni estas separataj. Tio estas finita.

– Sed ne vi incitiĝu. Mi trovas vin ĉarma de kelka tempo.

– Nu… nu… do mi gajnis. Vi ankaaŭ… vi min trovas… matura.

– Mi vin trovas ĉarma, kara mia ; vi havas brakojn, vizaĝ-koloron, ŝultrojn…

– Kiuj plaĉus al S-ro Burelo…

– Vi estas kruela. Sed… vere… mi ne konas virinon tiel delogan kiel vin.

– Vi estas fastanta.

– Kio ?

– Mi diras : vi estas fastanta.

– Kiel do ?

– Kiam oni estas fastanta, oni malsatas, kaj kiam oni malsatas, oni sin decidas manĝi aĵojn kiujn oni tute ne ŝatus dum alia momento. Mi estas la manĝaĵo… iam forlasita, sed kiun vi estus kontenta gustumi… tiu vespero.

– Ĥo! Margareta! Kiu lernigis al vi tiel paroli ?

– Vi kompreneble ! Depost via rompiĝo kun S-ino de Servo, mi scias, ke vi konas almenaaŭ kvar amorantinojn, sed tiuj ĉi publikulinoj, artistinoj en ilia fako. Tiam, kiel vi volas ekspliki alimaniere, ke per momenta fasto, viajn… vesperajn volojn?

– Mi estos sincera kaj kruda, sen ĝentileco. Mi denove amsopiras pri vi. Vere kaj intense. Jen.

– Jen !... Jen vidu ! Tiel vi volus… vi volus reeki !

– Jes, Sinjorino.

– Tiu vespero, ĉu ?

–Ho ! Margareta !

– Ha! Jen, vi ankoraaŭ krias al la skandalo. Kara mia, ni interkomprenu. Ni estas plu nenio unu la alian, ĉu ne ? Mi estas via edzino, veras, sed edzino – libera. Mi estis devontigonta min aliloke, vi petas al mi la preferon. Mi donos ĝin al vi… sed sampreze.

– Mi ne komprenas.

– Mi klarigas. Ĉu mi estas tiel interesa kiel viaj publikulinoj ? Estu sincera.

– Milfoje pli bone.

– Pli bone ol la plej bela, ĉu ?

– Milfoje.

– Nu, kiom la plej bela kostis al vi, ni diru en tri monatoj ?

– Mi ne sekvas vin.

– Mi diras : kiom kostis al vi, en tri monatoj, la plej ĉarma el viaj amorantinoj, pri mono, juveloj, vespermanĝoj, teatroj, ktp., fine pri ŝia tuta prizorgado ?

– Ĉu mi scias ?

– Vi devas tion scii. Ni diru, mezan prezon, moderan prezon. Kvinmil frankojn monate : ĉu proksimume ĝusta ?

– Jes… proksimume !...

– Nu, amiko mia, tuj donu al mi kvinmil frankojn, kaj mi estas al vi dum unu monato, ekde tiu vespero.

– Vi frenezas.

–Vi akceptis tion tiel; tiam bonan vesperon.

La grafino eliras, kaj eniras en sian dormoĉambron. La lito estas duone malfermita. Nepreciza parfumo ŝvebas, sorbigas la drapiraĵojn.

La grafo montriĝas ĉe la pordo :

– Tre bonodoras, tie.

– Ĉu vere ?... Tamen tio ne ŝanĝiĝis. Mi ĉiam uzas Hispanan haaŭton.

– Nu, estas mirinda… tio tre bonodoras.

– Eblas. Sed, vi, faru al mi la plezuron forlasi mian dormoĉambron, ĉar mi tuj enlitiĝos.

– Margareta !

– Foriru !

– Li eniras komplete, kaj sidiĝas en brakseĝon.

La grafino :

– Ha ! estas tiel. Nu, domaĝe por vi !

Ŝi malrapide demetis sian balkorsaĵon, nudigante siajn blankaj brakojn. Ŝi levas ilin super sian kapon por sin malkombi antaaŭ la spegulo ; kaj, sub pentmuslino (?), io rozkolora aperas ĉe la rando de la korseto el nigra silko.

Rapide la grafo leviĝas, kaj antaaŭas al ŝi.

La grafino :

–Ne al mi alproksimiĝu, se ne mi incitiĝas!

Li plenbrake ekprenas ŝin, kaj serĉas ŝiajn lipojn.

Tiam, kliniĝante rapide, ŝi ekkaptas, sur sia tualetejotablo, glason da parfuma akvo, kiu estis destinita al ŝi, ĵetas ĝin plenvizaĝon de sia edzo.

Li sin restarigas, ŝvitanta de akvo, furioza, murmurante :

– Tio stultas !

– Eblas… Sed vi konas miajn kondiĉojn : kvinmil frankojn.

– Sed tio estus idiota !...

– Kial ?

– Kiel, kial ? Ke edzo pagu por kuŝi kun sia edzino !...

– Ho! Kiaj malbelaj vortoj, kiujn vi uzas!

– Eblas. Mi ripetas al vi, tio estus idiota ke mi pagu mian edzinon, mian legitiman edzinon.

– Estas ankoraŭ pli stulta, kiam oni havas legitiman edzinon, ke vi pagu publikulinojn.

– Konsentite, sed mi ne volas, ke oni moku min !

La grafino sidiĝas sur faldseĝon. Ŝi malrapide retiras ŝiajn ŝtrumpojn, returnante ilin kiel serpentohaaŭto. Ŝia roza kruro eliras la ingon el malva silko, kaj metas sian gracian piedon sur la tapiŝon.

La grafo iom alprosimiĝas, kaj tenervoĉe :

– Kia stranga ideo, kiun vi havas ?

– Kia ideo ?

– Nu, peti de mi kvinmil frankojn.

– Nenio estas pli natura. Ni estas fremdaj, unu al la alia, ĉu ne ? Kaj vi deziras min. Vi ne povas edziĝi kun mi, ĉar ni estas jam geedziĝintaj. Tiam vi min aĉetas, eble iom malpli ol aliulino.

Sed, meditu pri io. Anstataŭ elspezi tiun monon kun ajna fiulino, kiu farus per tiu ĉi, mi ne scias kion, ĝi restos en via domo, en via paro. Kaj poste por inteligenta viro, ĉu io pli amuza ekzistas, pli malbanala ol pagi al si sian propran edzinon. En la neleĝaj amoj, oni nur ŝategas kion kostas multe, tre multe. Vi donas al nia amo… nia legitima amo, novan prezon, diboĉan guston, apetitvekan… maldecaĵon, tarifante ĝin kiel kvota amo. Ĉu ne veras ?

Ŝi leviĝas, preskaaŭ nuda, kaj sin direktas al tualetejo.

– Nun, sinjoro, bonvolu eliri, se ne mi alvokas mian ĉambristinon.

La grafo, staranta, perpleksa, malkontenta, rigardas ŝin, kaj, abrupte, ĵetante al ŝia vizaĝo sian biletujon :

– Jen, kanajlino, jen sesmil… Sed, vi scias…

La grafino levprenas la monon, kalkulas ĝin, kaj malrapidvoĉe :

– Kio ?

– Ne alkutimiĝu.

Ŝi ekridas, kaj antaaŭenirante al li :

– Ĉiu monato, kvinmil, sinjoro, se ne mi resendos vin al viaj publikulinoj. Kaj eĉ se… se vi estas kontenta… mi petos al vi (de vi) plipagon.

La 23an de oktobro 1883

*esperantigis el la franca lingvo*

## Noël Lecomte (Francio)

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊